XIVa jaro. No 209 (1) ☆ Monata ☆ Januaro 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0. 16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



## NUNTEMPAĴOJ

## Politiko de forto kaj politiko de interkompreno

Ni ĉiuj scias, kiel facile estas starigi programon de tutmonda paco, sed kiel malfacile estas rekoni la veran fundamenton de la nuraj naciaj ideoj kaj ilin direkti al pli alta celo. Sekve estas granda tasko precize difini la ĉefajn pensojn, kiujn ni volas oponi al la filozofio de la nacia egoismo.

Ĉe la naciaj politikistoj tre disvastigata estas la kredo, ke favorigo de internaciaj celoj kaj idealoj signifas perfidon de la naciaj interesoj. La homoj kiuj subtenas tiun opinion tute ne estas ĉiam malspritaj personoj. Inter ili mi trovis plej valorajn, altcelantajn karakterojn, homojn, kiuj sin apogas sur la tre ĝusta opinio, ke ne sufiĉas nura disvolvo de la persona kulturo, sed ke homo fariĝas vere valora nur kiam li, komprenante la belon de sinoferado, alcelas ion pli altan ol sian negravan personon. Plie tiuj naciuloj estas ofte personoj, kiuj ne staras en la aero, sed kiuj tre bone scias, ke iu malpreciza — mi ripetas malpreciza — kaj ĝenerala homamo nek taŭgas por la homa animo, nek estas la signo de sana, forta povo de amo kaj sindonemo. Certe utilas al ni ĉiuj, se ni lernas kompreni kaj helpi la bezonojn de iu nete difinita homa rondo. Tial ankaŭ la naciuloj estas tute pravaj dirante, ke tiu, kiu ne simpatias kun tiuj eroj de l'homaro, neniam povos doni al la tuta mondo ion grandan kaj koran. Pro tiaj pensoj kaj duboj la citita patriotoj konsideras la supernacian solidarecon kiel ne kapteblan aĵon, kiel celon senkoloran, nerealan, al kiu ili ne volas forigi de la patrujo iun fajreron de sia temperamento, unu ideon de sia cerbo.

Ĉio nun dependas de tio, ke ni ne batu blinde sur tiuj personoj, sed ke ni sciu paroli en ilia lingvo kaj starigu niajn ideojn sur ilia fundamento. Ni devas montri, ke la supernacia ideo, kiu al ili ŝajnas esti tiel fremda kaj nekaptebla, estas realaĵo, kiun oni ne povas malkonsideri senpune: unue ĉar nuntempe ĉiu nacia vivo, la spirita kiel la ekonomia, vivas el la komuneco de la popoloj, tiel ke ĉiu laboro kaj ofero por tiu komuneco estas samtempe nacia bonfaro; due ĉar ĉiu nacio atingas plej altan moralan valoron nur se ĝi rekonas devojn, kiuj subigas ĝian memprofiton al pli alta intereso. Por klarigi ĝuste tiun tezon, oni povus tre bone bazi sur la korekta ideo de la naciulo, ke individueco fariĝas perfekta nur se ĝi submetas sin al io pli alta, kaj restas kontraŭe morta, senfrukta, estante nur celo por si mem.

Estas nun sendube, ke tiu psikologia kaj biologia vero devas esti aplikata ankaŭ al la nacia personeco: *ankaŭ nacio havas nur tiam realan valoron, disvolvas nur tiam siajn plej profundajn moralajn fortojn, kiam ĝi submetas sin al io pli alta, anstataŭ fari el si propran celon.* Ĉu ne estas leĝo sociologia, ke la interna, morala kunesto de ĉiu grupo fariĝas despli perfekta, jupli ampleksaj fariĝis la devoj eksteraj, al kiuj sin submetis tiu grupo? Ĉu la familia vivo ne gajnis je intimeco, kiam kreskis la socia organizo, al kiu ĝi devis oferi sian egoismon? Laŭ la senco de tiu konsidero, kiu verŝajne plej trafe refutas la pornacian valoron de la nacia egoismo, oni devus rekoni kiel „politikistoj" nur tiujn, kiuj sin okupas pri la enordigo de unu parto en tuton, kiuj en tia spirito pensas, parolas kaj agas. Bedaŭrinde tro multaj personoj ekzistas, kiuj sin nomas politikistoj, sed kiuj nur laboras por la dissolvado de la vivo, reprezentante kaj subtenante la troan, do kontraŭsocialan memestimon de iu partio aŭ klaso.

Ĉe multaj personoj, kiuj sole pensas pri sia nacio, oni trovas ankoraŭ tre mallogikan konsideron, pri kiu oni devas ilin atentigi. Rilate al la propra nacio ili rekonas la neceson de l'oferemo, de l'konscienco, de organizo; rilate al la internacia vivo ili estas anarhiistoj kaj individualistoj, tiel ne pripensante, ke tia duobla konscienco — unu por la interno, alia por la ekstero — estas psikologie netenebla. La principoj proklamataj por la ekstero profunde trapenetras la popolan vivadon, ili influas la profesian vivon, la batalon de la klasoj, eĉ la familian kuneston, ili plifortigas aŭ disigas la tutan

konscion pri rajto en ĉiuj ajn direktoj. Ni restu konsciaj, ke la interpopola rajto estas la plej alta garantio de la tuta jura principo, kiun ĝi fortigas en la konscienco: *ĝuste la respekto al la plej fremdaj rajtoj donas al la naciaj rajtoj la plej grandan aŭtoritaton kaj sanktecon.* Estas tragedia eraro de la historiisto Treitschke, kredi, ke oni povus bazi la eksterajn rilatojn de ŝtato sur la nura forto, ĝin liberigi de ĉiuj juraj devoj, kaj tamen konservi inter la popolanoj la ideojn de rajto kaj devo. Björnsen, en sia „Kapitano Mansana, diras tre ĝuste: „Mi diras al vi, lando, kiu prenas ion al ĝi ne apartenantan, tiu akrigas la pordrompigilon de l' ŝtelisto, ĝi pintigas la akran vorton de la ĉefo, ĝi forpelas la konsciencon el ĝia hejmo en la familio kiel en la socio."

En simila senco la brita politikisto John Morley energie atentigis en parolado pri Machiavelli, ke oni devu ekzameni la senkonsciencajn metodojn de la ekstera politiko rilate al tio, kiel ili efikas sur la internan politikon, kaj kiel ili ankaŭ detruas ĉiun enlandan formiĝon de juraj ideoj. Gladstone estis prava dirante: „Kio estas malkorekta morale, tio ne povas esti korekta politike."

Tial la rekono de la interŝtata juro ne nur koncernas la eksteran politikon; ne, la akcepto de juraj principoj rilate la eksterŝtatanoj sanktigas ĉiujn jurajn rilatojn. Reala politiko estas sole tiu politiko, kiu komprenas tiujn tre realajn influojn de la internaciaj agadoj sur la internaciaj aferoj. Ŝtato ne povas eduki la konsciencon de siaj anoj, se eksteren ĝi kondutas kiel Papuo. *Popola edukado estas ebla nur tie, kie la ŝtatestroj respektigas per la ekzemplo de sia politiko ĉiujn moralajn devojn.*

Multaj diras ankoraŭ hodiaŭ: Finfine ĉio ja bazas sur la potenco; la celado al la potenco estas la vera, ĉion kreanta forto, kompare kun kiu la moralo nur estas senpova, malkara celado. Se oni volas refuti la erarojn en tiu pripenso, oni devas rekoni la parton de vero, kiun ĝi enhavas: Certe estas justaj la klopodoj de nacio je plia loko, influo kaj kreskado, ili estas la natura esprimo de sana vivenergio, kiu ja formas la fundamenton de ĉiu utila agado. Sed, se tiuj intencoj volas sin altrudi kvazaŭ persone aŭ anarĥie, tiel nerespektante la vivkondiĉojn de la konkurantoj, tiam ili pekas ne senpune kontraŭ la sekvantaj gravaj veroj:

Unue: Tiu nura egoista klopodado vekas ĉe la alia flanko la samajn instinktojn, liberigas en la tuta mondo ĉiujn frenezojn je plia potenco, ĝis iun tagon la potenco estas venkata de alia, ankoraŭ pli granda potenco k. t. p. *Tio estas la eterna juĝo pri ĉiu perforta politiko.*

Due: Ni observas nuntempe, kiel en la vivo de la popoloj disvolviĝis ideo, kiu iam tute ne ebligos perfortan politikon; estas la simpla kaj nerefutebla fakto, ke la homoj ne plu volas akcepti tian perfortigon. Eksplodema malkontentego, ne plu rompebla rezisto kontraŭ ĉiaj perfortaj aranĝoj iras tra la mondo, kaj tiu malamo al brutaleco ne havas nur kaŭzojn ekonomiajn. La homo, la klaso, la nacio, ĉiuj eksentas sin respondaj pri spirita kapitalo, donita de la naturo al ili; ili sentas, ke la konservo de sia karaktero, la plena disvolvo de siaj plej kaŝitaj vivfortoj estas io granda, por kiu ili estas respondaj kontraŭ la homaro, kaj kiun ili do devas defendi ĝis la lasta spiro.

Jen la kaŭzo de la grandega rezistforto, eĉ de la malfortuloj, kontraŭ perfortaj agoj, kiu sukcesis mem devigi la potenculojn al la ŝanĝo de malnovaj ŝtataj agoj. La rekonstruo de Polujo estas la plej bona pruvo de tiu potenca morala energio. Kaj plie tiu ideo de juro ne sole agas en la kapoj de la submetitoj, sed, kio estas pli grava, ankaŭ en la konscienco de la submetantoj aŭ de tiuj, kiuj estas la nepoj aŭ heredantoj de estintaj perfortuloj. Mi memorigas ĉi tie la scenon en „Macbeth", kie aperas la spirito kaj la terurigata reĝo Banco ekdiras:

„En tempoj malnovaj, kiam
La homa societo sin direktis
Sen leĝoj, estis la kutimo
Ke post forigo de la cerbo
La homoj mortis, kaj restis mortaj
Sed nun, denove ili restariĝas
Kun dudek vundoj je la kapo
Kaj nin forigas de la trono.
Pli strange estas tio, ol mortigo ia."

Tiu restariĝo de la perfortigito en la konscienco de la submetinto, tiel ke li mem komencas dubi pri sia rajto, estas la plej mirinda fakto en la nuna, de la Kristianismo influata kultura evoluo. Ĉiam ni vidas pli multajn signojn, ke la granda protesto de la kristana religio kontraŭ la perfortigo influas ankaŭ la politikan pensmanieron de la popoloj. Estas do tiu ĉiam pli laŭta krio por memregado, tiu protesto kontraŭ ĉiuj nuraj mekanikaj ordigoj, kiu faras, ke la brutala metodo ne plu havos daŭrajn sukcesojn. Restos al la ekspansiaj tendencoj nenio alia ol rekoni la juron; la postuloj devos havi juran formon, tio estas formo kiu rekonas ankaŭ la rajton de aliaj, kaj karakteron organizan anstataŭ egoistan.

Sekve la moralo, kiu tion postulas, ne kontraŭstaras la biologiajn leĝojn de la homa evoluo, sed ĝuste ĝi estas la trafa esprimo por la nuntempe sole ebla metodo kiel grupiĝo de homoj devas defendi aŭ plivastigi sian agadkampon, ne riskante, ke iam alia grupo ĝin detruos. Estas la tragedio ĉe multaj modernaj homoj, ke ilia ofte alten celanta spirito perdiĝis en revoj de tutpovo, tiel ke ili ne plu havas klaran vidon pri la povoj, kiuj ekster ili ekzistas. Devige ili ĉiam kalkulas malkorekte, similaj al ŝakludanto, kiu zorge pripensas siajn movojn, kaj ne konsideras tiujn de la kontraŭulo.

Mi atentigu ankoraŭ je alia kaŭzo kial perforta politiko ne havigas profiton. La *ekonomia interplekto* de la nacioj estas hodiaŭ tia, ke neniu nacio daŭre profitas el la malbonfarto de alia. Se ekzemple la lando A. sukcesus forigi la komercistojn de la lando B el Ĥinujo, la ŝtatanoj de A. perdus mem: ili ja trovus la konkurencon de B. aliloke aŭ la anoj de B. fariĝus malpli riĉaj kaj ne plu povus aĉeti de A. Cetere estas strange, kiel la borso nin informas alie ol certaj propagandistoj de la nacia egoismo. Se la amerika fera industrio suferas, oni devus kredi, ke la eŭropa industrio despli bone fartas. Sed la borso notas la malon: per iuj ĉirkaŭvojoj ankaŭ la eŭropa industrio estas tirata en la malfacilaĵojn de sia transmara konkuranto. Sekve oni devas riproĉi al la moderna politiko de tutpovo, ke ĝi ŝvebas en la aero. *Ĝi ne pensas laŭ faktoj; mankas al ĝi la kompreno de la grandega ŝanĝo de la nunaj ekonomiaj vivkondiĉoj.*

La batalo pri povo devas do akcepti aliajn formojn, devas labori per interkomprenoj kaj kompensoj. Tiu ideo neniel estas „pacifista utopio", sed alvoko al la plej alta organiza forto de l'homo: Multe da ĉirkaŭvido kaj supervido estas necesaj por atingi ĉe traktadoj pri kontraŭstarantaj interesoj akcepteblan solvon, kaj malsprite estas nur reprezenti la proprajn interesojn. Ili ja estas despli bone protektataj, jupli da morala kaj jura sento ni disvastigas ĉirkaŭ ni. Ni ne forgesu: „Kiu kaptas la glavon, per la glavo pereos".

*Ĉiu egoismo, ankaŭ la nacia, igas malsprita.* Nur de la momento, de kiam mi eliras el la mallarĝo de miaj aferetoj, kiam mi ankaŭ studas fremdajn interesojn kaj juron, mi komprenas la verajn kondiĉojn de mia ekzisto kaj la interrilatojn de mia bonfarto kun tiu de la aliaj. Kiu proklamas la nuran ekzistrajton de si kaj de sia popolo, ties okuloj restas senmove fiksataj sur la plej proksimaj faktoj, dum la moralaj kaj spiritaj fundamentoj de la vivo restas ekster lia vido. La homoj, kiuj ĉiam nur parolas pri la ekzistrajto

de sia popolo, forgesas ke ili ankaŭ devas lasi la vivon al la aliaj, eĉ ke ili devas sin interesi pri la vivkondiĉoj de la aliaj popoloj, por ke la bona volo per tio kreata favoru iliajn proprajn celadojn. La plej bona protekto de la propraj rajtoj estas la amo al la fremdaj rajtoj kaj interesoj. Defendi la rajton de aliulo estas plej granda povo. La helpo al la fremdulo sekrete revenas al ni kaj la niaj kiel beno — kaj kontraŭe. Memoru la vortojn de Homero: „Malsprituloj! Ili ja ne scias, ke la duono estas pli ol la tuto.“ Multaj homoj kredas fari spritan politikon ŝraŭbante siajn postulojn ĝis ekstrema alteco, ne konsiderante, ke la alia partio ankaŭ volas vivi. Rilate al tiu blindeco je moralaj faktoroj, Rabindranath Tagore diris antaŭ nelonge en parolado en Tokio, ke la eŭropa kulturo riskas perei pro sia frenezo al tutpotenco.

Fine ankoraŭ rimarko: la paca politiko ankaŭ bazas sur la neceso de reciproka kultura kunhelpo. La Germano bezonas la Slavon, la Slavo la Germanon, la Romano la Anglon kaj la Anglo la Romanon. Oni konfesas nian kapablon de organizado, sed ĉiu kiu konas la faktojn konsentos, ke malgraŭ ĝiaj brilaj rezultoj tiu principo de organizo enhavas la grandan danĝeron, ke per ĝi la individuo estas mortpremata. Tie la slava spirito, kun sia forta malinklino kontraŭ ĉiu mekanika centralizo, povas formi valoran kontraŭpezon, restarigante la rilatojn de homo al homo — kiel diras la slavoj: Ke la centra ŝtato emas mortigi la „fraton homo“, dum la tuta homa societo ja nur povas bazi sur „frateco“.

Ĉiu nacio devas alceli la komprenon kaj amon de la kontraŭaj popoloj por krei kontraŭpezon de sia propra mondkompreno kaj egoismo. Tiel ĝi povos solvi siajn naciajn devojn el pli larĝa horizonto kaj per pli riĉaj spiritaj rimedoj.

*Prof. Friedrich W. Förster.*
Trad: *Ed. St.*

(El „Friedenswarte“, Orell Füssli, Zürich.)

 SOCIA VIVO 

## La manko de viroj post la milito, ĝiaj danĝeroj kaj ĝia kontraŭbatalo

Al la ĉiamaj akompanantaj aperoj de la pli fruaj militoj apartenis epidemioj, kiuj forprenis la restintajn virinojn kaj knabinojn. Dank' al la progresoj de la medicino, hodiaŭ preskaŭ tute malaperis la danĝero de epidemioj, kiel tion ankaŭ pruvas la tri jarojn daŭrinta milito. La timo, ke sin ligus kun ĉiuj suferoj de la milito detruantaj epidemioj, feliĉe estis senkaŭza. Dum iam ne nur viroj sed ankaŭ, pli aŭ malpli senpere, virinoj fariĝis oferoj de la milito, hodiaŭ la morta rikolto de la milito konsistas el viroj. D-ro Vaerting montras en sia jus aperinta germanlingva libro „La manko de viroj post la milito, ĝiaj danĝeroj kaj ĝia kontraŭbatalo“ la danĝerojn de tiu ĉi superfluo de virinoj post la milito, superfluo, kiu povus havi la plej altan pliigon, per tio, ke sekve de la ĝenerala militdevigo hodiaŭ oni soldatiĝas pli ol iam kaj aliflanke la militiloj atingis la plej altan gradon de la neniigo.

Preskaŭ ĉiuj landoj de Eŭropo havas superfluon de virinoj; rilate al tio Ameriko staras pli favore. Dum la lastaj dek-kvin jaroj la nombro de la knabaj naskoj tre malgrandiĝis. Laŭ Vaerting tiu ĉi apero havas du ĉefkaŭzojn: la plimultiĝo de la seksaj malsanoj kaj la aĝa proporcio de la gepatroj — plej ofte la patrino estas pli juna ol la patro, kio ĉefe kaŭzas knabinajn naskojn.

La vastiĝo de la ĝenerala militdevigo kontribuis multe por altigi la procentojn de la veneriaj malsanoj, pro kio la kvanto de la knabaj naskoj estas tre malbone influata. Kiel oni povas antaŭvidi, la senproporcieco inter knabaj kaj knabinaj naskoj ankoraŭ pligrandiĝos post la milito, ĉar milito efikas la *selection of the fittest* en kontraŭa senco. Ĝuste la plej fortaj homoj foriras, kaj la konservo de la posteularo estas lasita al la malplivalorantoj. La veneriaj malsanoj ankaŭ pliiĝos. La malfirmaj ligiloj de la moralo fariĝos ankoraŭ pli malfirmaj, disvastiĝo de la prostituo estos minaca, se la ŝtato ne ĝustatempe intervenas. Multaj virinoj, kiuj nun laŭbezone anstataŭas la pozicion de la viroj, poste restos senpanaj kaj multaj estos puŝataj en la brakojn de la prostituo. Kaj plimultiĝo de la seksaj malsanoj estas samsignifa kun kvanta kaj kvalita malprospero de popolo.

Kiel la statistiko pruvas, superfluo de virinoj tute ne estas intencata de la naturo, kiu kun ĉiuj rimedoj zorgas por superpezo de la vira elemento. Tiu ĉi tendenco montras sin en la tuta besta mondo. Ke ĉiam estas naskitaj pli da knaboj ol knabinoj, estas konate. Ekzemple en Rusujo la proporcio estas 110 : 100. — La nombro de la mortaj naskoj kaj abortoj estas pli granda ĉe knaboj ol ĉe knabinoj. Laŭ Rauber la seksa rilato estas ĉe gravediĝoj 115 : 100.

Pri tiu ĉi fakto estas donitaj la plej diversaj klarigoj; sed ĝis nun oni ankoraŭ ne tute sukcesis esplori tiun ĉi naturan leĝon, ĉar tia ĝi estas. Ĉe tio oni neniam atentis pri io, nome pri la inter viro kaj virino regantaj seksaj diferencoj, kiuj ĉe la trakto de tiu demando havas gravan signifon. La unua sekseco de la viro, kiu urĝe postulas superfluon de viroj, estas lia nesufiĉa seksa kapableco: „Unu viro povas kontentigi plej multe aŭ apenaŭ unu virinon, tamen unu virino facile kelkajn aŭ multajn virojn.“ Ekzamenante tiun ĉi fakton, oni trovas la klarigon por la disvastiĝo kaj disvolvo de la prostituo; por tiu „ne estis decida la diversa seksa bezono de la seksoj sed nur la tre diversgranda seksa kapablo de viro kaj virino.“ Post la milito estas atendebla ankoraŭ pli granda seksa bezono de la viro, kiun sekvos superstreĉo kaj degenerado. Do, en la superfluo de virinoj la verkinto vidas grandan danĝeron, faktoron, kiu devas konduki al malbonigo de la raso. Por venigi egalecon en la seksa proporcio, ĉefpostuloj de la aŭtoro estas: forigo de la prostituo, forigo aŭ granda limigo de la kutima edziĝaĝo por viroj — ĉar junaj patroj, kiel montras la statistiko, naskas pli da knaboj ol pli maljunaj — plie konservo de la superfluo de la knabaj naskoj kaj plimultigo de la knabaj naskoj per uzo de la nature donitaj eblecoj ĉe la naskado.

La plej bonan rimedon por venigi egalecon de la seksoj Vaerting vidas en la „ŝanĝo de la hodiaŭ ekzistantaj aĝaj proporcioj.“ La viro devas havi la eblon edziĝi juna, sed la virinoj devas edziniĝi pli aĝaj, ĉar ĉe ili la seksa bezono komencas pli malfrue ol ĉe la viro. Laŭ Haeckel la nuntempa junaĝa edziniĝo de la virinoj estas nur arte kreita.

„En la hodiaŭa edzeco ambaŭ geedzoj vivas kun siaj amsentoj unu apud la alia, ĉar ili ne troviĝas sur la sama evoluŝtupo de sia seksa aktiveco“ kaj „jupli juna estas la patro, despli granda estas lia naskemo por knaboj“, asertas Vaerting. Ke grandaj homoj ofte havis sensignifajn posteulojn, estas pro ilia tro malfrua edziĝo. Ekz. Strauss aŭ Feuerbach, Schadow, Bach k. a. naskigis geniajn filojn, ĉar ili edziĝis jam antaŭ la fino de la 22ª vivjaro. La hodiaŭa viro, antaŭ ol fondi familion, estas pozicie tiel ŝarĝita kaj superstreĉita, ke liaj ĝermĉeloj estas malbonigitaj kaj bona nasko estas tre duba.

Kiel pruvon, ke la ligo de pli junaj viroj kun pli aĝaj virinoj estas favora al la knaba superfluo, Vaerting citas la de Berner atingitajn esplorrezultatojn.

Ĉe 213,224 naskoj estis la ĝenerala seksa proporcio 105,43
ĉe sama aĝo de la gepatroj estas la seksa proporcio 106,23
se la patro havas 1—10 jarojn pli ol la patrino, estas la seksa proporcio . . . . . . . . 104,61
se la patro havas pli ol 10 jarojn ol la patrino, estas la seksa proporcio . . . . . . . . 103,54
se la patrino havas 1—10 jarojn pli ol la patro, estas la seksa proporcio . . . . . . . . 107,45
se la patrino havas pli ol 10 jarojn ol la patro, estas la seksa proporcio . . . . . . . . 104,10

Samajn rezultatojn atingis ankaŭ aliaj esplorantoj.

Interesaj estas la klarigoj de Vaerting pri la seksa proporcio de la mortaj naskoj kaj abortoj.

Ĉe abortoj estas je 100 knabinoj . . . . 200 knaboj.
Ĉe mortaj naskoj estas je 100 knabinoj . . 130 „
Ĉe la morteco dum la unuaj 6 vivmonatoj . 130 „
Ĉe la morteco dum la sekvantaj 6 vivmonatoj 113 „
Ĉe la morteco dum la 1a—2a vivjaro . . . 102 „

Vaerting konkludas, ke „jupli malbona la genero, despli forta estas la vivminaco de la knaboj — jupli patologie sin formas la genera kaj evolua proporcio de la frukto, despli granda estas la mortkvanto de la vira vivo „— plue:“ ke la vira vivo kompare al la virina estas despli forte neniigata, jupli juna ĝi estas.“

Ke la seksaj diferencoj ĉe bona genero preskaŭ egaliĝas, pruvas la neleĝe naskitaj infanoj; ili estas ĝenerale pli fortaj kaj rezistemaj „infanoj de la amo“ kaj la knaba mortado estas inter ili pli malgranda. La naturo mem ŝajnas servi al la eŭgeniko, efikante la fruan morton de la netaŭgo. Oni devas esti pli atentigita ol ĝis nun pri tio, ke „la stato de la tuta organismo ĉe la viro pli multe influas la heredon ol tiu ĉe la virino.“

La flego de la suĉinfanoj ne sufiĉas por savi la superfluon de knaboj, ĉar ĝi venas jam tro malfrue. Oni devas nepre postuli „generan higienon“ kaj vastan „gardon de la patroj.“ La virinoj postulas por si la plej grandan indulgon, tial ke ilia korpa strukturo ne taŭgas por peza laboro kaj la lasta malbone influas la patrinecon. Sed ili ne devas forgesi, ke „pezan daŭran laboron neniu povas sensufere elteni, nek viro nek virino.“

Pro la intereso de sana evoluo de la popolo oni devas postuli malŝarĝigon de la superŝarĝitaj viroj kaj laŭeblan translokigon de la transplanta kapableco en la junan vivaĝon antaŭ ol la laboro malbonigis la heredigajn fortojn de la patro; plie la virina laboro devas ricevi justan salajron; tiaj devas esti la fundamentaj postuloj de estonta vivekonomio kun eŭgenikaj interesoj. La estonto apartenos al tiu popolo, kiu faros el la „protekto de la patro“ biologian devizon.

En sia interesa libro Vaerting alportas novan ideon. Sed ĉu la proponitaj de li rimedoj kaj vojoj alportas solvon al la problemo „Pli da viroj“, oni nuntempe ne ankoraŭ povas diri. Ĉiuokaze liaj esploroj meritas esti ekzamenataj kaj disvastigataj; ili ne devas esti senatente kondamnataj de malamikoj de ĉiu novaĵo.

*Marie Koscinska.*
Trad.: *M. I. Krestanoff.*

## La vivo en la maraj profundaĵoj

Ĉu vi povas imagi estaĵon ne tiel grandan kiel la homo, kiu facile elportas sur sia korpo pezon egalan je tiu de dudek fervojaj vagonaroj ŝarĝitaj per ferfandaĵoj? Ŝajnas neeble, ke tia estaĵo povas ekzisti. Tamen, ekzistas milionoj da tiaj vivantaj estaĵoj.

Iom post iom, sed malrapide, oni esploras la profundaĵojn de la maro, sed eĉ la plej lerta subakviĝisto ne povas vidi la misteran landon kaŝatan sub la ondaro. Neniu subakviĝisto iam povis malsupreniri pli ol sesdek-kvar metrojn sub la nivelo de la maro; tamen ekzistas en la oceano lokoj, kiuj estas profundaj pli ol dek kilometrojn. Sesdek-kvar metroj el dek kilometroj! Kaj eĉ tiu ĉi malgranda vojaĝo estas plena de danĝero.

Instruisto en la angla mararmeo sukcesis tion fari antaŭ kelkaj jaroj. Li estis la unua viro, kiu vidis la aspekton de la maro en la profundo de sesdek-kvar metroj. Estis necese, ne nur ke lia kapo estu ŝirmita per metala kasko, sed ankaŭ ke li havu brustoŝirmilon, por ke la pulmoj estu liberaj. Ses maristoj pumpis aeron malsupren al li. Sed li devis terure batali por reveni viva. La subfluo funde de la maro svingis lian savŝnuron kaj tiel implikis ĝin, ke estis neeble al la ŝipanoj lin suprenlevi. En la daŭro de dudek minutoj li baraktis en la ŝlimo kaj en la mallumo. Fine, sufokiĝanta kaj duonmorta, li sukcesis liberigi la ŝnuron el la objektoj ĉirkaŭ kiuj ĝi implikiĝis. Poste, unu horo kaj duono estis necesa, por ke la subakviĝisto povu leviĝi tra nur sesdek-kvar metroj. Tio ĉi reprezentas la plej grandan profundon, kiun oni ĝis nun atingis en la submara esplorado.

Kiel malmulte ni scius pri la tero sur kiu ni vivas, se ni ne povus grimpi pli alten ol sesdek-kvar metrojn super la nivelo de la maro! Centmetra monteto estus por ni mistera regiono. Ni ne scius, kio okazas sur la ebenaĵoj, kiuj nun al ni ŝajnas tute ne altaj, kvankam ili kuŝas sufiĉe alte super la ordinara nivelo de la tero. Ni estus devigataj loĝi en la plej malaltaj valoj, kaj ni verŝajne pensus, ke nenia vivo povas ekzisti en la lokoj, kie ni ne povas vivi.

Tiel pensis eminentaj sciencistoj pri la submara mondo. Ni ĉiuj scias, kiel peza estas sitelo da akvo. Sed ni penu imagi la pezon de la Atlanta Oceano je kvarkilometra profundo! Je tia profundo ni estus ne nur absolute platigitaj, sed pulvorigitaj. Sur ĉiu colo de nia korpo estus premado de pli ol du mil kvin cent kilometroj.

Antaŭ nelonge sciencisto faris eksperimentojn por konstati la premforton de la akvo en la profunda maro.

Li plenigis vitran tubon per aero, sigelis ĝin, ĉirkaŭvolvis ĝin per dika flanelo, kaj metis ĝin en dikan kupran tubon. Tiam oni malsuprenigis la tubon en la maron ĝis 3650 metroj. Kiam oni eltiris ĝin, oni konstatis, ke la kupra eksteraĵo de la tubo estas platigita per terura forto, kaj la vitro fariĝis delikata pulvoro, kiu brilas kiel neĝo. Tiamaniere oni eltrovis, ke la premo sur ĉiu colo de la korpo de besto vivanta ĉe la fundo de la Atlanta Oceano estas ĉirkaŭ dudek-kvinfoje pli granda ol la forto de fervoja lokomotivo.

Kompreneble la sciencistoj opiniis, ke nenia vivo povas ekzisti en tia stato. Neniu interesiĝis pri tio, kio ekzistas en la maraj abismoj, kaj oni rigardis tiujn regionojn kiel mallumaj kaj malplenaj akvodezertoj, kie nenio vivanta povas ekzisti. — Oni supozis, ke fiŝoj troviĝas nur en la ne tre profundaj maroj. Ŝajnis certe, ke la ordinara fiŝo morte frakasiĝus kaj estus pulvorigita se ĝi malsuprenirus al la profundo, kien oni malsuprenigis la tubon. Plie, oni sciis, ke nenia mara planto kreskas pli profunde ol du-cent sepdek metrojn sub la marnivelo. Tiu ĉi estas la limo, ĝis kiu la lumo de la suno povas penetri en la akvon.

Kie estas nenia sunlumo, diris ĉiuj, tie ne povas esti planta vivo; kaj, kie ne estas planta vivo, tie ne povas esti besta vivo. Sekve, pli malsupre ol kvin cent kvindek metroj da profundo la oceano, kun sia grandega akvopremado, devas esti tute neloĝebla.

Sed stranga okazintaĵo helpis la esploristojn de la maraj abismoj. En la jaro 1860 telegrafkablo en Mediteraneo rompiĝis je du mil du cent metroj da profundo, kaj kiam

oni suprenlevis la rompitajn ekstremajojn, oni trovis ke la kablo estas kovrita je marbestoj en miriga formdiverseco. Je du mil du cent metroj la maro estas pli malluma ol la nokto, kaj malvarmega; tamen oni vidis, ke bestoj povas vivi, dum miloj da kilogramoj da akvo premegas sur ili.

Jen do io tre stranga kaj mistera. Tiam sciencistoj ekiris sur specialaj ŝipoj por esplori la mirindan regnon, tiel neatendite malkaŝitan.

Nature, neniu subakviĝisto povis malsupreniri ĝis tia profundo, ĉar li estus ĝismorte premata pro la grandega akvopezo, longe antaŭ ol li alvenus je la fundo. La sola maniero esplori la marajn profundajojn estas, malsuprenigi retojn kaj ferajn hokojn, kaj provi suprenlevi la vivantajn estajojn el la marfundo. La esploristoj elpensis multajn mirindajn ilojn por mezuri la malvarmon de la profundmara akvo, kaj botelojn, kiuj malfermiĝas tuj kiam ili tuŝas la fundon, kaj pleniĝinte je la tiea akvo tiam fermiĝas forte tiamaniere, ke nenia akvo de la pli altaj niveloj povas eniri. La retoj estis faritaj samamaniere: malfermiĝante tuj kiam ili atingis la fundon, ili refermiĝas kiam ili estas ĉirkaŭ unu metron de la fundo dum ili komencas esti suprentirataj.

Oni sin okupis multajn jarojn pri la esplorado de la novaj regionoj, kaj pri la studado de la mirindaj estajoj, kiujn oni eltrovis. En la lasta tempo oni akiris sufiĉe klaran ideon pri la strangega submara lando. Eterna mallumo kaŝas ĝin; tre malvarma ĝi estas, tamen plena de bela vivo. En kelkaj lokoj la fundo de la maro estas kovrata de alta kreskajo de branĉantaj trunkoj, ofte kvin metrojn longaj. Ne estas planto, sed estas grupo de bestoj kune vivantaj, kiun oni nomas polipo.

Blindaj, ruĝaj krabsimilaj formoj rampas tie kaj tie ĉi inter tiu stranga subkreskajaro. Sed multaj el tiuj vivantaj estajoj, loĝantaj en tiu sensuna mondo, ne nur havas okulojn, sed ili brilas per interna lumo. Ili estas vivantaj steloj kun verda brileta lumo; marserpentoj kun blanka elektra flamo; omaroj, kiuj el siaj palpiloj eligas radiojn de blua beleco; kaj estajoj kiel malgrandaj lumturoj, kiuj elsendas ruĝajn, flavajn kaj verdajn brilojn. Estas, efektive, milionoj da malgrandaj vivajoj, kiuj portas malgrandajn naturlampojn dum ili vagas en la terura mallumo de la profunda maro.

Nur mil cent metrojn sub la nivelo de la marbordo, kuŝas tiu lando, en kiu multaj vivantaj estajoj produktas molan kaj belan lumon. Tie la fiŝoj estas tute malsamaj je tiuj, kiujn la fiŝkaptistoj kaptas en malprofunda maro. Ekzistas, ekzemple, speco de marsalmo, kiu havas linion de naturaj lampoj, etendiĝantaj laŭlonge sur la tuta korpo. Alia nigra fiŝo havas du vicojn de ruĝaj lumoj, kiuj iras de la kapo ĝis la vosto, kaj cent tre malgrandajn lampojn sur sia dorso kaj siaj flankoj. Tiu ĉi fiŝo certe povas klare vidi sian vojon tra la stranga mallumega mondo de la profunda oceano. Kelkaj fiŝoj portas siajn lampojn je la finajo de svinge pendantaj fibroj; ĉe aliaj la centro de lumo kuŝas malantaŭ la okuloj, aŭ sur la kapo kaj la ŝultroj.

Unu el la plej belaj el tiuj strangaj estajoj estas speco de stelo, kiu estis kaptata per feraj hokoj, kaj suprenigata tra 910 metroj da akvo. Iu nomis ĝin la gloro de la maroj. Estas stelforma estaĵo kun longaj brakoj, ĝi elsendas brilverdan radilumon, kiu ĉe la centro fariĝas forte lumiganta flamo, kaj kuras laŭlonge sur unu brako kaj poste laŭlonge sur la alia. Kelkafoje la tuta konturo de tiu mirinda fiŝo brile lumigas per strangaj kaj belaj verdaj flamoj. Ekzistas ankaŭ grandegaj sepioj kun tre longaj suĉiloj, kiuj ĉirkaŭe moviĝas kiel grandaj artfajrajoj; aliaj strangaj kaj teruraj formoj vagadas en tiuj nigraj, malvarmegaj akvoj de la maraj abismoj. Estas eble, ke la fundo de la oceano estas en certaj lokoj tiel hela kiel strato vespere lumigata per brilaj lampoj.

La esploristoj asertas, ke en kelkaj lokoj la fundo de la maro estas kovrita je malgrandaj estajoj, kiuj brilas kiel lampoj; la eltrovoj laŭ tiu direkto estas inter la plej interesaj el ĉiuj. Kiam ni faras lumon per la brulado de karbo aŭ gaso, aŭ per elektro, multo de la energio perdiĝas kiel varmo; nur malgranda parto aliformiĝas en lumon. Sed la fosfora lumo de la profundmaraj estajoj — kiel la lumo de la lampiroj — fariĝas sen iu forkonsumo de varmo. Estas nura lumo, kaj grandegan riĉecon havos la viro, kiu povos eltrovi, kiel fari lumon tiamaniere. Tiuj maraj estajoj havas sekreton, kiu valorus multajn milionojn por ni, kiuj vivas sur la tero.

La veraj okuloj de la profundmaraj fiŝoj estas tre strangaj. Tiuj, kiuj vivas en tre granda profundo, havas kelkafoje eksterordinare grandajn okulojn, kaj aliaj havas kontraŭe eksterordinare malgrandajn. Tre malmultaj perdis la vidadon, kiel faras la fiŝoj, kiuj vivas en subteraj lagoj kaj riveroj. Unu krabsimila estajo, naĝante tra la sensuna oceana profundajo, ŝajnas esti havinta fortan bataladon por vidi tion, kio fariĝas ĉirkaŭ ĝi, ĉar ĝi nun havas grandegan paron da okuloj, el kiuj ĉiu havas kvar mil facetojn. Ĝi estas terura speco de besto, sed tre inteligenta. La kraboj kaj omaroj de la profundaj maroj havas multe pli da inteligento ol la fiŝoj.

Oni konstatas, ke kiam lampiro estas alarmita ĝi estingas sian lumon. Tiamaniere ĝi ofte sukcesas fornaĝi de siaj malamikoj. Estas tre verŝajne, ke multaj el la kuriozaj lampportantaj estajoj de la maraj profundajn havas similan povon estingi siajn lampojn kiam malamiko aperas. Ili estas tiam en absoluta mallumo; tamen estas necese por ili, foriri el la danĝero kaj samtempe scii, kien ili iras. Tiel oni trovas, ke kelkaj fiŝoj en la profunda maro disvolvas tre sentemajn tuŝorganojn. Iliaj naĝiloj fariĝis longaj palpiloj, per kiuj ili povas senti, laŭ la movado de la akvo, kio okazas ĉirkaŭ ili. Aliaj havas krurojn kiel skeltoj, kiuj ebligas al ili, promeni sur la dika ŝlimo de la oceana fundo.

Ĝis nun oni scias nur malmulte pri la maniero en kiu la marfundaj estajoj povas rezisti al la grandega premado de la akvo. Ĉio, kion oni bone scias, estas, ke neniu el la fiŝoj de la neprofunda maro — kiel haringoj, salmoj, moruoj, k. t. p. — povas rezisti grandan premon de akvo, ĉar kiam oni ilin metas en eksperimentan akvujon, kaj la akvo en tiu ujo estas premegita per vapormaŝino, ili svenas kaj ne resaniĝas se la premado daŭras iom longe. Sed ĉiuj profundmaraj fiŝoj havas strangajn ostojn. — Ili estas maldikaj kaj molaj, kaj kelkaj estas plimulte tendenaj fibroj ol ostoj. — Sendube tio igas iliajn korpojn pli elastaj ol tiuj de ordinaraj estajoj, kaj eble estas tiu elasteco, kiu helpas ilin vivi sub la pezo de centoj da miloj da kilogramoj.

Sed, kvankam la loĝantoj de la oceanaj profundajoj povas vivi sub grandega pezo de akvo, ili estas emaj al eksterordinaraj akcidentoj. Se, dum ili serĉas nutrajon, ili supreniras grandan distancon pli alte ol la fundo de la maro, la gasoj de iliaj naĝvezikoj etendiĝas, kaj ili iĝas pli malpezaj. Ĝis certa grado la muskoloj de ilia korpo povas batali kontraŭ tiu ĉi stranga tendenco iri supren; la profundmara fiŝo, kiu ne tute perdis la memregadon, povas reiri hejmen en la malluman malvarman akvon. Sed se ĝi vojaĝas tro malproksimen en la direkto al la mondo de la sunlumo, ĝiaj muskoloj ne estas sufiĉe fortaj por malsuprenigi la korpon. La fiŝo daŭrigas ŝveli kaj iom post iom mortas en sia longa kaj stranga vojaĝo al la suprajo de la maro. Tiamaniere la profundmaraj fiŝoj elmetiĝas je danĝero, kiu ne atingas alian ajn beston en la mondo — la danĝero fali supren! Ke tiaj akcidentoj okazas, estas konstatite per la fakto, ke kelkaj nekonitaj fiŝoj, (nuntempe konataj kiel profundmaraj fiŝoj) troviĝis flosantaj sur la suprajo de la oceano

longe antaŭ ol la homoj imagis, ke la vivo povas ekzisti tiel profunde.

La granda problemo, kiu longatempe embarasis la esploristojn de la maraj abismoj, estas la demando, kiel la vivo subteniĝas tiel profunde. El kio nutriĝas la marfundaj estajoj? Antaŭ kelkaj jaroj neniu povis ĝuste respondi al tiu demando, sed post kiam oni faris multajn progresojn pri la studado de tiuj nevideblaj vivoformoj la sekreto de la profunda oceano malkaŝiĝis.

Kiam maristo veturas sur la maro, li flosas sur la plej riĉaj teritorioj de la terglobo; sub lia ŝipo estas vivriĉeco pli grandioza ol en la plej vivriĉa arbarego. Sub liaj piedoj povas esti kilometroj da akvo, kaj en ĉiu glaso da akvo svarmas la vivo. Nenio vivanta estas videbla, tamen ĉiu metro de la maro enhavas kvin cent milionojn da vivantaj estaĵoj. La plej granda parto de tiuj nevideblaj estaĵoj estas mikroboj. Iuj el ili estas malgrandaj bestoj, kaj aliaj malgrandaj vegetaĵoj, sed multaj estas meze inter vegetaĵo kaj besto. Multaj el la veraj vegetaj mikroboj povas moviĝi, kvazaŭ ili estus efektive bestoj. Ili havas tre malgrandajn harsimilajn tremantajn organojn, per kiuj ili remas en la maro. Kelkaj el tiuj movantaj vegetaĵoj estas tiel malgrandaj, ke ili forglitas tra la plej malgrandpeca reto.

Kvankam tiuj vivantaj kreskaĵoj estas vaguloj, ĉiam movantaj tra la maro, strange estas, ke ili kapablas, konstrui domojn por si mem. Ili konstruas ĉirkaŭ si konkojn laŭ la plej belaj desegnoj, konkojn tiel malgrandajn ke, se oni rigardas glason da marakvo enhavantan multajn el ili, la akvo ŝajnas klara. Tiujn ĉi malgrandegajn kreskaĵoĉelojn, kiuj konstruas konkojn por si mem el la delikataj mineraloj en la marakvo, oni nomas diatomoj. Ili estas speco de marfuko. Unu el tiuj diatomoj, kiu vivas en la koto, havas konkon formitan kiel boato, kaj povas vojaĝi de loko al loko, sed oni tute ne scias kiamaniere. Centoj da sciencistoj pasigis jarojn pri la studado de tiuj etaj marfukoj, kiuj ŝajnas esti movaj konkbestoj, sed estas vere nur plantoj; neniu esploristo trovis ankoraŭ per kiu forto ili povas sin movi.

Nu, estas ĝuste tiuj diatomoj, kiuj faras el la maro grandegan paŝtejon. Ili estas por la fiŝoj kaj bestoj de la oceano tio, kio por la brutaro estas la herbo. Ili vivas en la supra akvo, kie ili povas uzi la lumon de la suno por la konstruado de siaj korpoj. Ili multiĝas kun miriga rapideco, kaj kiam ili mortas, la korpoj falas en la profundaĵojn kaj iĝas nutraĵo por la tieaj bestoj. Estas efektive daŭra pluvo de diatomoj falantaj de la sunluma supraĵo de la akvo ĝis la malluma, malvarma fundo de la maro.

Tiaj estas kelkaj el la strangaj estaĵoj, malkaŝitaj de la maresploristoj. Sed kompreneble ne ĉiuj el la mirindaĵoj estas ankoraŭ konataj. Estas tre verŝajne, ke strangaj monstroj, tro grandaj por esti kaptataj en la retoj de la esploristoj, vivas en la tre profundaj lokoj de la submara mondo. Eble unu el ili iam venos tro alte, falos ĝis la supraĵo kaj sekve mortos. Certe ni ne povas esperi vidi unu el ili vivantan, ĉar organizite por rezisti grandegan premadon de akvo, ili ne povus veni supren kaj vivi, kaj submara ŝipo por iri tiel profunden devus havi fenestron sufiĉe fortan por kontraŭstari la pezon de monto. Oni vigle daŭrigas la esplorojn en la maraj abismoj, sed eble neniam la homo eltrovos ĉiujn mirindaĵojn, kiuj ekzistas en tiuj mallumaj regionoj de vivo.

*W. Underwood.*

---

# ✱ NOTOJ ✱

∴ **Infanoj kiel policanoj en Nov-Jorko.** — Ĉiuj urboj kutime havas pli-malpli multe da malboninklinaj infanoj. Ĉar Nov-Jorko estas la plej granda urbo de Ameriko, troviĝas tie granda nombro da tiaj krimuloj, kiuj jam multe priokupis la magistraton. Oni ofte penis trovi rimedojn por fari el tiuj sentaŭguletoj utilajn junulojn. En tiu rilato speciale rimarkinda estas la tasko entreprenita de kapitano policano Sweeney.

Tiu oficiro, kiu pro sia okupo troviĝis en konstantaj rilatoj kun la infanaj krimuloj, organizis specialan Infanpolicon de urbo Nov-Jorko. Kiam junaj infanoj, farinte delikton, sin prezentas antaŭ la juĝantaro, kapitano Sweeney alparolas ilin kiel patro. Li rakontas pri sia infanpolicanaro kaj montras al ili la neceson de bona konduto, kion oni atingas envarbiĝante en la infana policanaro. Se ili favore konsideras la proponon kaj estas inter la 11a kaj 16a jaro, ili fariĝas policanetoj.

Ili vestas uniformon kaj ricevas insignon, same kiel la ordinaraj policanoj. Ili subskribas la promeson plenumi siajn devojn kaj obei la leĝojn, malhelpi blasfemadon kaj maldecajn interparolojn en la stratoj, malhelpi fajrojn sur la publikaj vojoj, malhelpi ĉe infanoj la uzon de l' tabako, zorgi, ke la infanoj ne ludu malpermesitajn ludojn, ke la trotuaroj estu puraj, ke la balaaĵujoj estu bone kovrataj, atenti, ke iliaj parencoj ne rompu la leĝojn, k. t. p.

Kapitano Sweeney dividis sian distrikton en 12 sekcioj, kies ĉiun el ili komandas infana kapitano, ĉiun roton gvidas infana leŭtenanto. Laŭ la reguloj, la infanoj povas deĵori nur en la sekcio, kiu sidas apud ilia loĝejo, kaj ili laboras sub la okuloj de l' parencoj kaj najbaroj.

Tiujn infanojn oni praktike instruas. Unu fojon semajne, iu instruas al ili gimnastikon, naĝadon, boksadon, helpadon al vunditoj. Ili iras biciklete, batas per tamburo kaj havas aliajn amuzojn en rilato kun sia aĝo. Ĉiusemajne ili ĉeestas paroladon pri la sanitara stato de l' urbo kaj pri la reguloj de la urba polico.

Nuntempe kapitano Sweeney kaj liaj helpantoj havas sub siaj ordonoj proksimume 2000 infanojn; ilia nombro sendube kreskos, ĉar preskaŭ ĉiuj kulpaj infanoj preferas aliĝi al la infana policanaro ol iri en la karceron. — *Bulteno de Tut-Amerika Unio.*

∴ **Propagando de la latina skribo en Japanujo.** — En N-ro 196 de „*Esperanto*" aperis artikolo pri la enkonduko de la latina alfabeto en Japanujo kaj, ĉe la postskribo, la deziro, ke oni sendu informon pri la vera signifo de la registara decido rilate al tiu demando.

Jam antaŭ kvindek jaroj, lingvistoj ekkonsciis pri la utileco enkonduki la latinan skribon (Rômaji) anstataŭ uzi la ĥinan skribon. La Rômaji Propaganda Asocio, de 1885 ĝis 1890, vigle laboris kaj la tiama registaro montris sian favoron por tiu movado. Tamen pro la malhelpo de la rutinuloj, pozitiva rezultato ne estis atingita. En 1906 la Asocio reorganiziĝis kaj denove batalis energie por la disvastigo de la latina skribo. Dank' al tiu agado, la Japanoj plejparte konvinkiĝis pri ĝia valoro. La Asocio rapide kreskis kaj havas nun proksimume 20,000 adeptojn; en Osaka, ekzemple, 2000 geknaboj vizitis la kursojn de ĝi aranĝitajn. Oni esperas, ke post kelka tempo multaj Japanoj kapablos facile legi kaj skribi la Romaĵi-alfabeton. Kvankam en la registaraj rondoj ankoraŭ troviĝas skeptikuloj, estas multaj personoj, kiuj favore konsideras ĝian akcepton. — *D-ro K. Sakurane,* trad. *Risuke Tsuji,* Osaka.

---

# *Al niaj abonantoj*

*La plimulto de la abonoj al nia gazeto finiĝis en la monato decembro. Ni tre petas niajn legantojn, ke ili bonvolu sendi sian reabonon tuj post la ricevo de tiu ĉi N-ro (5 Fr., svisa valoro, por la ordinara eldono; 6. 25 Fr., por la luksa eldono).*

# LITERATURO

## Prozaj poemetoj

### de Charles Beaudelaire

La 50a datreveno de la morto de Beaudelaire (1821—1867) kaj la samtempa ĉeso de la aŭtoraj rajtoj revekis en la jus finita jaro la intereson al la verkoj de tiu fama franca poeto. Oni represis kelkajn novajn eldonojn de liaj „Floroj de la Malbono" kaj, malgraŭ la nefavora epoko, dediĉis al li detalajn studojn.

La poemoj de Baudelaire, riĉe rimataj, estas strangaj, subtilaj, misteraj. La kunrilateco de liaj verkoj kun tiuj de Edgar Poe estas tiel granda, ke Baudelaire volis francen traduki la novelojn de la usona aŭtoro. Tion li majstre faris kvazaŭ enkarnigante sin en la originalo.

Ni opinias, ke interesos niajn legantojn la subaj ekstraktoj de liaj prozaj poemetoj.

### La invito al la vojaĝo

Ekzistas feliĉega lando, kiun mi reve deziras viziti kun malnova amikino. Strange bela lando dronanta en la nebuloj de nia Nordo, kiun oni povus nomi la Oriento de l' Okcidento, la Ĥinlando de Eŭropo, tiom la varma kaj kaprica fantazio tie liberiĝis, tiom ĝi kun pacienco kaj obstino ornamis ĝin per siaj komplikaj kaj delikataj vegetaĵoj.

Vere feliĉega lando, kie ĉio estas bela, riĉa, trankvila, honesta, kie la lukso sin plezure respegulas en la ordo, kie abunda kaj dolĉa estas la vivo, kie malordo, bruemo kaj neantaŭvidito ne estas enlasitaj, kie la feliĉo edzece vivas kun la silento; kie la kuirado mem estas io poezia, samtempe riĉa kaj ekscita; kie ĉio similas Cin, anĝelo mia kara.

Ci konas tiun febran malsanon, kiu dum la malvarmaj mizeroj kaptas nin, tiun sopiron al nekonata lando, tiun angoran scivolemon? Ekzistas lando, kiu similas Cin, kie ĉio estas bela, riĉa, trankvila kaj honesta, kie la fantazio konstruis kaj ornamis ian okcidentan Ĥinlandon, kie dolĉe estas enspiri la vivon, kie la feliĉo edzece vivas kun la silento. Tien ni devas vivi, tien ni devas morti!

Jes, tien ni iru spiri, revi kaj plilongigi la vivon per la senfino de la sentado. Iu muzikisto verkis la „Inviton al la valso": kiu komponos la „Inviton al la vojaĝo", kiun oni povus oferdoni al la virino amata, al la elektita fratino?

Jes, en tiu atmosfero bone estus vivadi — tie, kie la horoj estas pli malrapidaj kaj enhavas pli da pensoj, kie kun pli profunda kaj pli signifa soleno la horloĝoj sonas la feliĉon.

Sur brilaj paneloj aŭ sur oritaj ledoj diskrete vivas pentraĵoj tiel beataj, kvietaj kaj profundaj kiel la animoj de la ilin kreintaj artistoj. La subirantan sunon, kiu tiel riĉe koloras la manĝoĉambron aŭ la salonon, mildigas belaj ŝtofoj aŭ altaj multfake dividitaj fenestroj. Vastaj, kuriozaj, strangaj estas la mebloj, kun sekretseruroj kiel subtilaj animoj. La speguloj, la metaloj, la ŝtofoj, la oraĵoj kaj fajencaĵoj ludas por la okuloj silentan kaj misteran simfonion; kaj el ĉiuj objektoj, el ĉiuj anguloj, el la tirkestaj fendoj kaj el la ŝtofaj faldoj elflugas stranga Sumatra-parfumo, kiu estas kvazaŭ la animo de la loĝejo.

Vere feliĉega lando, mi diras al Ci, kie ĉio estas pura kaj brila, kiel nobla konscienco, kiel belega kuirilaro, kiel admirinda oraĵo, kiel multkolora juvelaro! La trezoroj de la tuta mondo tie amasiĝas, kiel en la domo de laborema homo, kiu meritis de la tuta homaro. Stranga lando, superanta la ceterajn kiel la arto superas la Naturon — lando, kie la Revo reformas, korektas, plibeligas, refandas la Naturon.

Ili serĉu, ili serĉu ankoraŭ, ili senĉese forigu la limojn de sia feliĉo, tiuj alĥemiistoj de la florkulturo! Ili proponu premiojn da sesdek kaj centmil florenoj, por kiu solvos iliajn ambiciajn problemojn. Mi, mi trovis mian *nigran tulipon* kaj mian *bluan dalion!*

Floro nekomparebla, retrovita tulipo, alegoria dalio, tie ĉi, ĉu ne?, en tiu bela lando tiel kvieta kaj reva, ni devus vivi kaj flori? Ĉu Ci ne estus enkadrigita en Cia analogio kaj ĉu Ci ne povus respeguli Cin en la propra korespondeco, kiel parolas la mistikuloj?

Revoj! ĉiam revoj! ju pli ambicia kaj delikata estas la animo, des pli la revoj ĝin forigas de l' eblo. Ĉiu homo havas en si dozon de natura opio, senĉese sekreciata kaj renovigata, kaj de la nasko al la morto, kiom da horoj plenigitaj per pozitiva ĝuo, per sukcesinta agado estas kalkuleblaj? Ĉu ni iam vivos, ĉu ni pasos iam en tiu bildo, kiun priskribis mia spirito, tiu bildo, kiu similas Cin?

Tuj trezoroj, tiuj mebloj, tiu lukso, tiu ordo, tiuj parfumoj, tiuj mirindaj floroj, ĉio estas Ci! Tiuj larĝaj riveroj kaj pacaj kanaloj ankaŭ estas Ci. Tiuj grandegaj ŝipoj, kiujn ili transportas, plenŝarĝitaj je riĉaĵoj, kaj el kie suprenvenas la unutona kantado de la manovro, ili estas miaj pensoj, kiuj dormas aŭ ruladas super Cia brusto. Ci dolĉe kondukas ilin al la maro de la Senfino, respegulante la profundaĵojn de la ĉielo en Cia bela diafana animo; — kaj kiam, lacigitaj per la ondegoj kaj superplenigitaj je la orientaj produktoj, ili revenas al la hejma haveno, ili estas ankoraŭ miaj riĉigitaj pensoj, kiuj de la Senfino revenas al Ci.

### Ĉiu sian ĥimeron ...

Sub granda griza ĉielo, en vasta polva ebenaĵo, sen vojo, sen herbo, sen kardo, sen urtiko, mi renkontis kelkajn homojn, kiuj kline marŝas.

Ĉiu el ili portis sur la dorso grandegan ĥimeron tiel pezan kiel faruna aŭ karba sako, aŭ kiel la ŝarĝo de Roma soldato.

Sed la abomena besto ne estis inerta pezo; kontraŭe, ĝi per siaj elastaj kaj potencaj muskoloj envolvis kaj subpremis la homon; per siaj du vastaj ungegoj, ĝi agrafis sin je la brusto de la portanto; kaj la frunton de l' homo superstaris monstra kapo, kiel unu el tiuj teruraj kaskoj, per kiuj la antikvaj militistoj penis plifortigi la timon de la malamiko.

Mi alparolis unu el tiuj homoj kaj demandis, kien ili iras. Li respondis, ke li tute ne scias, nek li, nek la ceteraj, sed ke evidente ili ien iras, ĉar puŝas ilin ĥevenkebla marŝemo.

Kurioza notindaĵo: neniu el tiuj vojirantoj ŝajnis kolera kontraŭ la kruela besto pendanta je ilia kolo kaj algluata je la dorso; ŝajnis kvazaŭ ili konsideris ĝin kiel parton de sia propra estaĵo. Nenian malesperon montris tiuj lacaj kaj seriozaj vizaĝoj; sub la splena kupolo de la ĉielo, la piedojn en la polvo de tero tiel malĝoja kiel tiu ĉielo, ili vojiris kun la rezignacia fizionomio de ĉiamaj esperantoj.

Apud mi pasis la irantaro kaj perdiĝis en la horizontan atmosferon, ĉe la loko, kie la ronda supraĵo de la terglobo sin forkaŝas de la scivolema homrigardo.

Momenton mi obstinis por kompreni tiun misteron, sed baldaŭ min rekaptis la nerezistebla indiferenteco, kaj al mi ĝi estis pli peza ol al la vojirantoj iliaj premegantaj ĥimeroj.

### La fenestroj

Rigardante el ekstere tra malfermita fenestro, oni neniam vidas tiel multe kiel tra fermita fenestro. Ne ekzistas pli profunda, pli mistera, pli pripensiga, pli blindiga objekto ol fenestro, preter kiu lumas kandelo. Ĉio videbla sub la suna lumo estas ĉiam malpli interesa ol tio, kio okazas malantaŭ vitro. En tiu nigra aŭ luma truo vivas la vivo, revas la vivo, suferas la vivo.

Trans la tegmenta ondaro, mi ekvidas maturaĝan, jam sulkigitan, malriĉan virinon, kiu ĉiam kurbiĝas super io kaj eksteren neniam iras. Per ŝia vizaĝo, ŝia vestaĵo, ŝia gestado, per preskaŭ nenio mi refaris la historion de tiu virino aŭ, pli ĝuste, ŝian legendon, kaj kelkafoje mi plorante ĝin al mi rakontas.

Se ŝi estus mizera maljunulo, mi tiel facile estus ĝin refarinta.

Kaj mi kuŝiĝas fiera, ke mi vivis kaj suferis en aliaj ol mi mem.

Eble vi diros: „Ĉu vi estas certa, ke tiu legendo estas vera?" Ne gravas, kia povas esti la realeco ekster mi, se nur ĝi helpis min vivi kaj senti, ke mi estas kaj kia mi estas.

Trad.: *Renaud Richez.*

---

 ESPERANTISMO 

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Deka Kongreso de la Esperanto-Asocio de Nord Ameriko[1]

La Esperantistoj de Usono havis sian nacian jarkunvenon (la Dekan) en Philadelphia la 26—29 julio kun pli ol cent kongresanoj. En la laborkunsidoj kelkaj gravaj demandoj estis diskutataj; ekzemple, oni daŭrigis la jarkotizaĵon, unu duondolaro, kvankam kelkaj anoj forte aprobis plialtigon. Oni decidis doni pli plenan subtenon al la organo „Amerika Esperantisto“, kaj multaj membroj, por pliriĉigi la kason de la Asocio, faris mondonacojn. La jenaj oficistoj estis elektitaj: Prezidanto, D-ro H. W. Yemans; vicprezidanto, D-ro B. D. Šimonek; sekretario-kasisto, Ernest F. Dow; aga komitato, Prof. H. W. Hetzel, Pastro Jas. F. Smiley kaj Creston C. Coigne. Inter la distraj aferoj estis du ekskursoj, unu al Willow Grove, belega antaŭurba parko, kaj Valley Forge, bone konata historia loko. Preskaŭ ĉiuj ĉeestis la „Esperantan Balon“ ĉe la „Wynfield Country Club“ kaj la Diservon, kiun kondukis, tute en Esperanto, Pastro Smiley en la Protestanta Episkopa Preĝejo de Sankta Luko. La Asocio ricevis koran inviton havi la sekvantan Kongreson en Green Acre, bone konata somerstudejo en la ŝtato Maine. — *H. W. H.*

[1] Raporto prokraste ricevita pro la malbonaj poŝtkomunikoj.

---

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

### Aŭstrio-Hungario.

*Budapest:* D-ro A. Rácz von Kövesd gvidas kurson. La ĵurnalo „Világ“ enhavis raporton pri Esp. kurso en siberiaj kaptitejoj. — *Eger:* S-ro Hell gvidas elementan kurson kun 20 kaj progresigan kurson kun 10 partoprenantoj. — *Krems a. D.:* Dank' al la agado de S-ro F. de Paula Mestan fondiĝis Esp. unuiĝo. La „Kremser Zeitung“ aranĝis regulan Esp. angulon. — *Mitterdorf:* S-ro H. Tutsch faris paroladon al lerneja infanaro. Multaj sin anoncis por kurso. — *Oderfurth:* Post parolado S-ro Steinhauer aranĝis en burĝa lernejo du kursojn, elementan kaj progresigan. — *Olmütz:* S-ro Prof. Murath gvidas du novajn kursojn: komencan kun 35 kaj progresigan kun 25 personoj. En la komerca akademio li faris paroladon. — *Praha:* Ĉe la „Esp. rondeto“ de F-ino J. Šupichová, S-ro Prof. St. Stejskal paroladis pri la IXa kongreso. — *Villach:* Okazis parolado de S-ro F. Homer pri Esp. antaŭ kaj post la milito. F-ino R. Finger gvidas kurson. — *Wien:* Ĉe la unua Esp. Unuiĝo okazis parolado de S-ro redaktoro Schade pri Esp. problemoj; en la sekvinta diskutado partoprenis S-roj Altar, Glück, D-ro Sós, red. Schröder, Illing, kortega konsilisto Jungwirth. En decembro komenciĝos kursoj sub la gvidado de S-ro Glück. S-ro Klimeš paroladis ĉe ĉeĥa klubo; kurso kun pli ol 20 anoj sekvis. Ĉe „Corda Fratres“ (asocio de progresema junularo), S-ro Illing gvidas kurson kun 16 anoj.

### Belgujo.

*Gent:* Malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj, nia movado ne pereis. Dum 1916 fondiĝis du grupoj „Progreso“ kaj „Kunfrateco“. Kursoj estas aranĝitaj, kaj novaj adeptoj varbiĝis. En la antaŭurboj Ledeberg kaj Gentbrugge, la grupoj ankaŭ vivas kaj propagandas per festetoj kaj kursoj. En alia antaŭurbo, Mont St-Amand, la grupo „Progreso“ starigis kurson, kiu verŝajne naskiĝos novan grupon.

### Britujo.

*Addington:* Okazis publika kunveno, ĉe kiu paroladis Rev. T. H. Minett kaj Rev. P. H. Fearnley. — *Belfast:* D-ro Pollen paroladis ĉe la unua vintra kunveno de la klubo. — *Bradford:* La ĉitiea grupo energie funkcias kaj aranĝas interesajn kunvenojn. — *Brooklands:* S-ro G. J. Cox faris paroladon; multaj propagandiloj estis disdonataj. — *Burnley:* La vintraj kursoj komenciĝis. La movado estas sufiĉe vigla kaj kontentiga. — *Cambridge:* Ĉe propaganda kunveno, S-ro Bernard Long paroladis; poste oni starigis kurson. S-ro E. T. Harris paroladis ĉe la filio de la nacia unuiĝo de fervojistoj. Oni decidis sendi al la Eduka Komitato rezolucion pri Esp. en la lernejoj. — *Chester:* Pastro Nowell legis raporton pri Esp. antaŭ la membroj de la loka Clergy Society, kiuj tre interesiĝis. — *Grange-over-Sands:* Ĉe la Literatura kaj Scienca Societo, S-ro W. J. Pratt faris paroladon pri la vivo de D-ro Zamenhof. — *Llanilar* (Card.): Okazis ĉe la Literatura Societo parolado de S-ro Jack Edwards. — *London:* S-ro M. C. Butler, sekretario de B. E. A., faris paroladojn en Clerkenwell, Finchley, Hampstead kaj Islington. En Battersea, rondo de junaj kooperistoj nun lernas la lingvon sub la gvidado de S-ino Evans. F-ino L. C. Smith gvidas kurson ĉe la Claremont Women's Adult School. En kurso aranĝita ĉe la Morley College partoprenas 20 lernantoj. Alia kurso okazas ĉe la Working Men's College, N. W. I. Ĉe parolado pri la India ortografio en la Lernejo de orientaj lingvoj, D-ro Pollen atentigis pri la utilo de la Esp. alfabeto por la transskribo de la orientaj lingvoj. La revuo „The Future“ organizis konkurson kun premio da 5 funtoj por la plej bona traduko de mallonga angla teksto Esperanten. Gajnis ĝin F-ino C. M. Bartholomew, el Letchworth. S-ro F. G. Archer, el Watford, gajnis alian konkurson pri „ebleco de monda lingvo“. Longa artikolo pri Esp. aperis en la revuo „The Ford Times“. — *Swansea:* S-ro Rev. W. H. Harris faris paroladon kun lumbildoj.

### Francujo.

*Angers:* Du kursoj estas aranĝitaj sub la gvidado de Prof. Muffang kaj de S-ro Robin. — *Beauvais:* S-ro Demarcy rekomencis siajn kursojn. — *Narbonne:* La kursoj ĉe la Laborborso bone prosperas. — *Paris:* La grupo organizis kunvenon je la memoro de D-ro Zamenhof. Paroladis G-lo Sébert, Prof. Aymonier, S-ino Ferter-Cense; oni legis belan leteron de S-ro Bricard. F-inoj Gaillot kaj Gérard deklamis. Ĉeestis ĉ. du cent samideanoj.

### Germanujo.

*Berlin:* Ĉe la novembra kunveno de la Esp. gruparo, S-ro D-ro H. Monson, el Norvegujo, interese paroladis pri Finnlando. Sekvis diskuto pri la artikolo aperinta en „Esperanto“: Propono pri instruado de Esp. al gejunuloj. — *Dresden:* S-ro Schmieder gvidas inter profesiaj lernantoj kurson kun 20 partoprenantoj. — *Gardelegen:* Ĉe la militkaptitejo, S-ro L. Plaud faras kurson al 10 francoj kaj 24 rusoj. — *Leipzig:* Ĉe la societo „Leibnitz“ nova kurso estas komencita. — *Lössnitz:* S-ro A. Büttner komencis kurson kun 20 partoprenantoj. — *München:* S-ro H. Koch, Vicdel. UEA, fervore propagandas inter la junularo de reallernejo. Kurso estas aranĝita. — *Münster i. W.:* Du novaj kursoj, gvidataj de S-roj D-ro Jahnke kaj R. Kracht, komenciĝis. La urbaj estraroj vigle interesiĝas por nia movado. — *Siegburg:* S-ro Jung faris paroladeton. Kurso komenciĝis.

### Hispanujo.

*Palma de Mallorca:* Okazis regiona kunveno de UEA. S-ro N. Bofill, Del., legis sian raporton, kiu estis unuanime akceptata kun danko. Ĉar malgraŭ la peto de la kunveno, S-ro Bofill, pro profesiaj laboroj, ne plu povas resti en la ofico de Del., S-ro J. Mascaró estis elektata kiel Del.

## Nederlando.

*Rotterdam:* Ĉe propaganda vespero en hotelo Coomans, S-ro A. Senff, el Hamburgo, paroladis pri la utilo de Esp. en komercaj aferoj kun ekzemploj kaj menciis la agadon de UEA dum la milito. La sukceso de tiu multe vizitata kunveno estis kontentiga. — *Utrecht:* S-ro C. J. v. Eck komencis kurson por laboristoj; S-ro H. O. Barker gvidas alian inter gejunuloj. — *Zeist:* Multaj novaj adeptoj estas varbitaj ĉe la tendaro. Paroladoj estis farataj en la ĉi-tieaj societoj kun tre bona sukceso. Du novaj kursoj estis malfermataj, unu france, alia flandre, kun ĉ. 150 internigitoj.

## Polujo.

*Lodz:* Du novaj kursoj malfermiĝis. Okazis propagando-vespero. S-roj Kempinski kaj Zimmermann paroladis. — *Plock:* S-roj Pakulski kaj Plonskier fondis kursojn kun 54 personoj. — *Zgierz:* Ĉe propaganda kunveno, S-ro H. Zimmermann paroladis germane kaj S-ro H. Kempinski pole pri la ideo de mondlingvo.

## Svedujo.

*Eskiltuna:* Nova kurso okazas en la Popola Domo, sub la gvidado de S-ro A. Veramant. La grupo „Stelo" havis sukcesan jarkunvenon kun agrabla festeto. — *Göteborg:* Klubo estas fondita. — *Gävle:* S-ro Helsing gvidas privatan kurson. — *Landskrona:* S-ro Backman, el Helsingborg, faris publikan paroladon en la Popola Domo; 20 novaj membroj aliĝis al la klubo. Kurso kun 45 partoprenantoj estis malfermata. — *Skara:* Klubo nomata „Skara Esp. Klubo" fondiĝis. Nova kurso okazas, gvidata de S-ro K. G. Anderson. Pro la okazonta kongreso en Gotenburgo, multaj personoj interesiĝas por nia lingvo. — *Skövde:* Interne de la loka grupo de la kontraŭmilita movado, fondiĝis Esp. rondo. — *Storvik:* Kurso kun 15 lernantoj estas aranĝita sub la gvidado de F-ino H. Lindberg. — *Stockholm:* „Verda Stelo" kaj la Societo de la Teatro-Amantoj aranĝis grandan publikan feston en la bela festsalono de Tattersall. La festan paroladon faris la sekretario de „Verda Stelo", S-ro T. Rosengren, pri „vojaĝoj en sudeŭropaj landoj kaj la Esp. kongreso en Bern". La parolado estis ilustrata per ĉ. 200 ĉarme koloritaj lumbildoj, multaj premiitaj per ora medalo. La festo, kiu ĉiurilate estis tre sukcesa, finiĝis per prezentado de la komedio „Malluma nokto", bonege ludata de la membroj en la societo Teatro-Amikoj. La gazetoj bone raportis. En la kristnaska kajero de „Antikrigsorder" aperis artikolo pri la pacifista agado de F-ino P. H. Peckover, dumviva membrino de UEA.

## Svisujo.

*Genève:* La grupo „Stelo" organizis Zamenhof-vesperon. Post alparoloj de S-roj H. Dubois, J. Krestanof kaj R. Richez, sekvis deklamo de F-ino Dubois. S-ro Rohla kaj Bekian ludis violonan muzikaĵon. En januaro malfermiĝos du kursoj. — *Zürich:* En la oktobra kunveno oni elektis la jenan komitaton: Prez. D-ro P. Schacht; vicprez. S-ino Ehrenbolger; prot. K. Jost; sekr. E. Müller; kas. F-ino M. Weber. Post parolado de S-ro Ritzscher en la Popola Domo, S-ro Jost komencis kurson kun 12 lernantoj.

## Argentino.

*Bahia Blanca:* S-ro L. Gastañaga gvidas kurson sub la aŭspicioj de l' Esp. Ateneo. — *Buenos Aires:* Oni fondis novan Esp. sidejon sub la nomo „Esperanta Hejmo"; ĝia adreso estas 1354, str. Estados Unidos; la korespondaĵojn por „Argentina Esp. Asocio" kaj por la gazeto „Argentina Esperantisto" oni de nun sendu al la supra adreso. Sub la nomo „Inter Ni" aperis nova bulteno, oficiala organo de Esp. Grupo „Casal Catalá". Diversaj kursoj estas gvidataj nuntempe. — *Concordia:* En la grava ĵurnalo „El Litoral", S-ro L. Kelety publikigis du interesajn artikolojn. — *Rosario:* La klubo aranĝis ekspozicion, kiu atingis kontentigan sukceson. Gravaj ĵurnaloj okupis sin pri ĝi, kaj ĝin vizitis ĉ. 2000 personoj. — *Santa Fe:* Oni intencas starigi grupon. — *Zárate:* La grupo Zamenhof malfermis novan kurson.

## Brazilujo.

*Rio de Janeiro:* La ĵurnalo „A Norte" publikigis artikolon pri la progresoj de Esp. en la lernejoj de Rio.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj Bahaianoj.** — Oni komunikas al ni la tekston de rezolucio akceptita de la naŭa jara kunveno de la Bahaia Templo Unueco en Boston:

„Konsiderante, ke la Sankta Moŝto *Baha' o 'llah*, la profeto de la ciklo de la universala paco, proklamis kiel unu el la fundamentaj principoj la neceson de alpreno de universala helpa lingvo;

„Konsiderante, ke *Abdul Baha*, la komentisto de la instruoj de *Baha'o'llah*, dum multaj paroladoj faritaj en Eŭropo kaj en Ameriko, altiris la atenton al la spirita povo estanta en universala lingvo, kiu atestus pri la esenca unueco kaj solidareco de la homidaro, akcelus reciprokan interkomprenon, kaj forigus antaŭjuĝojn, tiamaniere favorante la starigon de la paca regno, — ke li laŭdis la paciencon kaj fervoron de D-ro Zamenhof, subtenis la penojn de la Esperantistoj kaj rekomendis al la Bahaianoj, tiel en Oriento kiel en Okcidento, studadi kaj uzadi Esperanton;

„Tial estu decidite:

„Ke la Bahaia Templo Unueco de Ameriko esprimu al la Esperantistoj sian simpation je la perdo, kiun ili suferis, pro la morto de D-ro Zamenhof, kaj aliĝas kun ili en la honoresprimo je la aspiroj kaj penadoj de tiu vera amanto kaj propetanto de universala paco, kaj rekomendas al Bahaianoj ĉialoke aktivan partoprenon en la laboro iniciatita de D-ro Zamenhof;

„Ke kopio de tiu ĉi rezolucio estu sendata al la vidvino kaj la familio, al la Esp. Asocio de Nord-Ameriko, al la aliaj naciaj asocioj tra la tuta mondo kaj speciale al la Oficejo de UEA." — Subskribis: *Louis G. Gregory*, sekretario de la naŭa jara kunveno

# TRA LA GAZETARO

∴ *„Amerika Esperantisto"* (julio). Tiu kajero, ricevita kun granda prokrasto, estas grandparte dediĉita al raporto pri la bone sukcesinta deka kongreso de Esp. Asocio de Nord-Ameriko (Philadelphia, 26—29 julio). Ĝi publikigas alvokon de S-ro Archdeacon, Vicprez. de la Pariza Grupo, al la regantoj de Usono por oficiala enkonduko de nia lingvo.

∴ *„Argentina Esperantisto"* (julio—septembro) enhavas ĝojigajn informojn pri la progresoj de nia afero en Argentino.

∴ *„British Esperantist"* (decembro). Kroniko enlanda kaj eksterlanda, Libraro kaj Gazetaro, Jesuo aŭ Jezuo?, artikolo, en kiu pastro J. C. Rust konkludas, ke oni devas diri *Jesuo*.

∴ *„Esperanto Monthly"* (decembro). Artikolo de Ed. Privat pri lia lasta vespero ĉe D-ro Zamenhof, praktikaj instruoj por la instruado de Esp. al infanoj, de F-ino E. Hogg, versaĵoj, rakontoj, ekzercoj.

∴ *„La Espero"* (decembro). Esperanto en la teatro, svedlingva artikolo. Ŝveda kroniko, tre ĝojiga. Eksterlanda movado. Melodio, de Kurt Moreck, tradukita de J. Schröder, Wien; diversaj komunikaĵoj.

∴ *„France-Esperanto"* (septembro—oktobro). Fotografaĵo de Emile Boirac, teksto de la parolado de G-lo Sébert, S-ro Bricard, S-ino Ferter-Cense ĉe la Pariza kunveno je la memoro de D-ro Zamenhof. Kroniko. El la Esperanta gazetaro. La franca gazetaro kaj Esp., k. t. p.

∴ *„Germana Esperantisto"* (decembro). En eldono A. raporto pri la Esp.-Tago en Münster i. W., artikolo pri la granda dana lingva

sciencullo Rasmus Rask (1787—1832) kaj la eblo de komuna lingvo, oficialaj komunikoj, kroniko, k. t. p. En eldono B. literaturajoj. La scienca eldono „Esperanto-Spiegel" aperigas artikolon pri Esp. en lingvoscienco kaj praktiko, de L-to Karl Fischer.

„*La Holanda Pioniro*" (decembro). Literaturajoj. Lingva Fako. Enlanda kroniko. Diversaj komunikoj. Bibliografio. Oficiala parto. Eksterlanda kroniko.

∴ „*Japana Esperantisto*". La antaŭe aperintaj N-roj de tiu bona gazeto, presita Esperante kaj japane, ne atingis nin. La aŭgusta kajero enhavas artikolojn pri D-ro Zamenhof kaj enlandan kronikon. La septembra kajero raportas pri Esp. en elementa lernejo (Eccles-eksperimento). Alvoko al „semado dum la uragano", kroniko kaj proverboj.

∴ „*Oficiala Gazeto Esperantista*". Ni ricevis la N-ron datitan augusto—oktobro *1914*. Ĝi enhavas interesajn informojn pri la Deka Universala Kongreso, i. a. protokolon de la unua kunveno, projektitan salutparoladon de reprezentanto de la franca parlamento (S-ro Painlevé), projektitan paroladon de la Prezidanto de K. K. K. ĉe la akcepto de la Urba Konsilantaro de Parizo, kaj raporton pri la agado de la loka organiza komitato, kiu reviĝligas niajn bedaŭrojn pro la neokazo de tiu kongreso, kiu certe estus estinta grandioza manifestado.

∴ Aliaj ricevitaj gazetoj: „*Argentina Esperantisto*" (oktobro), „*Brazila Esperantisto*" (junio—aŭgusto), „*Esperanto-Raporto*", el Danujo (novembro), „*La Esperantisto*", de La Plata (oktobro kaj novembro), „*Inter Ni*", nova monata bulteno de la Grupo Casal Català en Buenos-Aires, „*Internacia Bulteno*" (novembro), „*Nederlanda Katoliko*" (decembro).

## TRA LA LIBRARO

**Les „tares" de l'Esperanto — Die „Mängel" des Esperanto** (La „difektoj" de Esperanto), broŝuro de R. de Saussure. 16 paĝoj. Du eldonoj: franca kaj germana. Propagandejo Esperantista, Bern. Prezo: ne montrita.

En tiu broŝuro, S-ro de Saussure ekzamenas kaj refutas la kutimajn kritikojn de la Idistoj pri nia lingvo; li montras per ekzemploj la supereco de la Zamenhofa Esperanto rilate al la senescepteco de la tona akcento, la regula uzo de la afiksoj *mal-* kaj *-in*, la akordo de la adjektivo kun la substantivo, la utilo de la akuzativo, la pli simplaj vortaro kaj derivado, la pli fonetika alfabeto. Speciale atentindaj estas la argumentoj pri la supereco de nia derivsistemo kompare kun la Ida, multe pli komplika, ne pli logika kaj malpli natura. En la fino de sia broŝuro, S-ro de S. proponas novan (kioman?) sensupersignan „fonetikan" alfabeton, alian ol tiu, kiun ni kritikis en la antaŭa N-ro, sed ankaŭ ne akceptindan. Ni esperas, ke aperos nova eldono amputita je la propono pri nova alfabeto, kiu ne estas taŭga en tia broŝuro. Ĝi utilos al niaj propagandistoj kiel rebatilo al nejustaj kritikoj.

Ni aliparte dezirus, ke la aŭtoro insistu pli forte pri alia grava difekto de Ido, nome la tromulteco de radikoj, plej ofte elektitaj laŭ pure latinida vidpunkto, kio igas la lingvon pli malfacila por nelatinaj popoloj.

**Malgranda gramatiko de la mondlingvo Esperanto.** En lingvoj germana, franca kaj itala. Verkita de R. de Saussure kun la helpo de J. Schmid kaj Weilbacher. Propagandejo Esperantista, Hotelgasse 10, Bern. 24 paĝoj. Prezo: 10 centimoj.

Tiu trilingva malkara broŝuro, bele presita, enhavas sufiĉe detalan gramatikon, ekzercofrazojn laŭ la Ekzercaro de Zamenhof kaj vortareton; ĉio estas oportune kunmetita por rapida eklernado de nia lingvo. Speciale rekomendinda estas tiu nova verketo por la propagando en Svisujo, trilingva lando, por kiu ĝi estas destinita.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Komitato de UEA.** — La Komitato de UEA, demandita per cirkuleroj dum decembro 1917, alprenis la jenajn decidojn:

1. La Komitato esprimas sian profundan doloron pri la morto de nia honora Prezidanto, Doktoro L. L. Zamenhof, de la Prezidanto de la Akademio kaj de la Lingva Komitato, Rektoro E. Boirac, kaj de multaj aliaj fidelaj samideanoj. Transdonante siajn sincerajn kondolencojn al la parencoj kaj amikoj de tiuj karaj mortintoj, ĝi admonas la Esperantistojn, ke ili honorigu ilian memoron per konstanta fideleco al la Majstro kaj duobla energio de laboro.

2. La Komitato aprobas kun danko la raporton pri la administrado de la Asocio kaj konfirmas laŭsence la antaŭajn decidojn pri la dummilita gvidado de la aferoj.

3. La Komitato ree atentigas la membrojn pri la plena neŭtraleco de UEA kaj petas ilin, ne uzi iujn titolojn aŭ aranĝojn de la Asocio por celoj, kiuj estas ekster ĝia agadkampo.

4. La Komitato, konstatante kun granda bedaŭro, ke la nombro de la pagintaj membroj malkreskis ĝis grado, kiu minacas la fortan ekziston de UEA, insiste petas ĉiujn membrojn kaj Esperantistojn, ke dum 1918 ili penu varbi novajn aliĝantojn. Ne sole UEA meritas subtenon, sed ĝi nepre bezonas ĝin en la intereso de la tuta postmilita movado. La Esperantistoj ne forgesu, ke de malaltaj dummilitaj oferoj povas dependi la sukceso aŭ malsukceso de l' estonto.

**Kotizaĵoj por 1918.** — Je la 30 novembro estis enkasigitaj 119 kotizaĵoj (el kiuj 18 subtenantoj). Krom tio estas 157 dumvivaj membroj. Sume: 276. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 1.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato novembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 431 | 852 |

*Tuta sumo*: 1283. (Antaŭa monato: 898.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Unua listo:*

1. H. Pätiälä (Tampere). — 2. J. Menschick (Regensburg). — 3. G. de Vries (Amabele, S. Afriko). — 4. R. Castagnino (Siracusa). — 5. E. Müller (Zürich). — 6. S-ino L. Hurd (Seattle). — 7. J. Hoyle (Triangle). — 8. J. van Dam (Haag). — 9. E. Garcia (Madrid). — 10. L. Stockton (Oakland). — 11. A. Norris (Alvarado). — 12. E. Iglesias (Buenos-Aires). — 13. D. Tomasini (Buenos-Aires). — 14. J. Guerrero (Buenos-Aires. — 15. E. Elten (Hildesheim). — 16. A. Thomson (London). — 17. J. Boutwood (Hastings). — 18. S-ino M. Moscheles (London).

### Ŝanĝoj.

*Neuchâtel* (Svisujo). — D.: F-ino Emma Chevenard, profesorino, Beau-Soleil.

*Palma de Mallorca* (Hispanujo, Insulo Mallorca). — D.: S-ro Juan Mascaro, 47—20, plaza de la Puerta de Sta. Catalina.

### Rimarko.

*Berlino* (Germanujo). — Oni bonvolu sin turni al la Vicdel.: F-ino Martha Rabe, Bandelstr. 45, III., N. W. 21.

# Lingvaj Studoj

## Vortaro

6. *Pri la vortaj finaĵoj -acio, -icio, -cio*

Jam ofte oni protestis kontraŭ la fakto, ke vortaristoj aŭ kreantoj de novaj vortoj aldonas la kvazaŭsufiksan finaĵon *-acio* (aŭ *-icio, -cio*, k. t. p.) al multaj vortoj, ĉe kiuj ĝi tute ne estas necesa. La prot stoj kaj kritikoj ne estis senutilaj: en la lastaj jaroj ni rimarkis, ke kelkaj vortoj kun la *-acia* finaĵo cedis lokon al esprimoj pli konformaj al la spirito de Esperanto: *deklaracio* al *deklaro, delegacio* al *delego* aŭ *delegitaro, halucinacio* al *halucino, inaŭguracio* al *inaŭguro*. Sed malgraŭ tio restas ankoraŭ multe da *-aciaj* vortoj, kiuj devus malaperi el niaj vortaroj kaj el nia literaturo.

La finaĵo *-acio* respondas al internacia sufikso *-ation, -azione, -acion, -açao, -acja*, k. t. p., sed ĝia senco ne estas preciza. Ĝi signifas jen la agon, jen la rezulton de l' ago, jen aĵon, jen aron, jen ejon. Ĝi do ne estas konforma al la principo de unusenceco, kiu regas nian afiksaron, kaj tial tre prava estis D-ro Zamenhof, ne akceptinte ĝin kiel sufikson. Aliparte, ĝi en nia lingvo ne sonas agrable je la orelo, precipe en la multenombro, pro la akcentado de la litero *i*, kontraŭ la kutimo de niaj lingvoj, kiuj akcentas jen la finaĵon *-tion, -zione, -cion*, jen la *a*, sed neniam la *i*. La finaĵo *-acio* estas speciale malbona ĉe la verbaj radikoj. Formoj kiel *dekoracii, halucinacii, konjugacii* k. t. p. estas pezaj, malbelaj sone kaj grafike, kaj barbaraspektaj.

Tamen absolute forigeblaj la *-aciaj* vortoj ne estas. Ĝuste ĉar ili estas internaciaj, estas kazoj, ĉe kiuj ili sin nepre trudas. Tio precipe koncernas la radikojn, kiuj estas kutime uzataj nur en la substantiva aŭ adjektiva formo.

Jen listo de tiaj vortoj:

*anunciacio, apozicio, ekvacio, frakcio, generacio, institucio, *instrukcio, *interjekcio, *interpunkcio, koalicio, kongregacio, *konjunkcio, konstelacio, konstitucio, konvencio, *korporacio, municio, obligacio, pozicio, *prepozicio, propozicio, *restoracio, sensacio, tradicio, variacio.*

Ni rimarku, ke kvankam ĝis nun *ekvacio, institucio, instrukcio, koalicio, konstitucio, konvencio* ne naskis verbojn, la logiko ne kondamnus *ekvacii* (meti en formo ekvacia), *institucii*, (starigi kiel institucion), *instrukcii*, (doni instrukciojn), *koalicii* (koalicie unuiĝi), *konstitucii* (fari konstitucion, fondi), *konvencii* (fari konvencion). Tial, antaŭvidonte tiajn verbojn, oni povus eble redukti la suprajn vortojn al pli simplaj formoj: *ekvac-i, -o; instituc-i, -o; instrukc-i, -o; koalic-i, -o; konstituc-i, -o, konvenc-i, -o*. En la Fundamento ni jam trovas *obstrukc-i, -o*, ne *obstrukcio, -i*. *Anunciacio* povus plisimpliĝi al *anuncio* (analogie al *asocio*, anstataŭ *asociacio*). *Variacio* estas teknika muzika esprimo, kiu povas resti apud *vari-i, -o*.

Sed, kiel ni diris, la finaĵo *-acio* (aŭ *-icio, -cio*) estas precipe kondamninda ĉe la vortoj, kiuj kutime naskas verbojn. Ĉe tiaj kazoj, estas pli simple kaj pli konforme al la spirito de Esperanto elekti la verban radikon kiel patro-vorton, kaj el ĝi derivigi la substantivojn.

Jen estas listo, cetere nekompleta, de tiaj vortoj, troviĝantaj en niaj ĉefaj vortaroj:

*abnegacio, adicio, administracio, apelacio, arbitracio, civilizacio, deklinacio, deklaracio, dekoracio, delegacio, demonstracio, direkcio, disertacio, *ekspozicio, emigracio, erupcio, evolucio, federacio, halucinacio, iluminacio, inaŭguracio, indukcio, interpelacio, kasacio, konfederacio, konfekcio, *konjugacio, kontemplacio, kontribucio, konversacio, manifestacio, menstruacio, navigacio, operacio, opozicio, organizacio, ovacio, proskripcio, prostitucio, reakcio, *redakcio, reformacio, rekvizicio, reputacio, rezignacio, rezolucio, *situacio, subvencio.*

Estas notinde, ke le granda plimulto de tiaj vortoj ne estas en la Universala Vortaro. Kontraŭe, en ĝi troviĝas *administri, civilizi, direkti, ilumini, redakti*, el kiuj regule derivas *administro* (administracio = administro aŭ administrejo), *civilizo* (civilizacio = civilizo, civilizeco, civilizitaro), *direkto* (direkcio = direktado aŭ direktejo), *ilumino, redakto* (redakcio = redakto, redaktejo aŭ redaktistaro).

Aliparte oni jam ofte uzis kaj en la ĉefaj vortaroj trovas *deklari, delegi, elmigri, evolui, federi, halucini, inaŭguri, manifesti, navigi, organizi, prostitui*, kiuj igas tute superfluaj *deklaracio, delegacio, emigracio, evolucio, federacio*, ktp. Ni rimarku, ke en Esperanto la *o* substantiva montras plej ofte la rezulton de l' ago, dum la verba sufikso *ado* montras la agon mem. Same kiel de *asocii*, oni eltiras *asocio* por montri la rezulton de l' ago *asocii*, oni povas derivi de *federi* la substantivon *federo* por montri organizon federe aranĝitan.

Pri la ceteraj vortoj de la supra listo, oni oportune povus deiri de la verba radiko: *abneg-i, -o; apel-i, -o; deklin-i, -o; dekor-i, -o; demonstr-i, -o; disert-i, -o; interpel-i, -o; kunfeder-i, o; konjug-i, -o; kontempl-i, -o; konvers-i, -o; menstru-i, -o; opoz-i, -o; reform-i, -o; reput-i, -o; situ-i, -o*.

Ĉar *arbitra* jam havas alian signifon en la Universala Vortaro, *arbitracio* ne estas reduktebla al *arbitr-i, -o* (krom se oni decidus ŝanĝi la tradukon de tiu esprimo), sed ĝi povus fariĝi *arbitrac-i, -o*, analoge al **donaci, *kapitulaci*. Same *adicio, kasacio, operacio, ovacio, rezignacio* ne povas reduktiĝi al *ad', kas', oper', ov', rezign'*, kiuj havas alian sencon, sed al *adic-i, -o; kasac-i, -o; operac-i, -o; ovac-i, -o; rezignac-i, -o*. (Ekz.: *operacito, operaciĝi, operacilo, operacisto* estas pli bonsonaj ol *operaciito, operaciiĝi, operaciilo, operaciisto*, k. a.)

**Ekspozicio* povas resti kiel teknika esprimo por granda publika elmontro, sed la radiko *ekspozi* kun la utilaj derivaĵoj *ekspozanto, ekspozaĵo*, k. a., sin verŝajne trudos. *Reakcio* ankaŭ konserviĝu por la speciala ĥemia signifo, sed por aliaj kazoj oni regule uzu *reago*.

Fine, la vortoj de la supra listo, kies finaĵo estas ne *-acio*, sed *-cio*, povus ricevi la jenan formon: *erupt-i, -o* (erupcio), *indukt-i, -o* (indukcio; jam ekzistas *dedukto*), *konfekt-i, -o* (konfekcio), *kontribu-i, -o; proskript-i, -o; rekviz-i, -o; rezolv-i, -o* (sed *decid-i, -o* ŝajnas sufiĉa), *subvenc-i -o* (se **monhelpo** ne sufiĉas).

Ni esperas, ke tiuj rimarkoj utilos al niaj lingvaj aŭtoritatoj, kiam ili ellaboros la kompletan vortaron, kiun postulas la uzantoj de nia lingvo. Oficialigi vortojn internaciajn, kiuj pekas kontraŭ la reguleco de nia lingvo kaj kontraŭ ĝia spirito, neniel estas rekomendinde, eĉ se okaze tiaj vortoj estas uzitaj de bona aŭtoro aŭ troviĝas en iu vortaro. Oni iafoje diras, ke flanke de *deklaro, evoluo, delego, organizo*, k. t. p., oni devas toleri la internacian formon *deklaracio, delegacio, evolucio, organizacio*. Sed kie haltos tiu tolero? Se oni rajtas diri *deklaracio, delegacio, evolucio*, kial oni ankaŭ ne povus diri *komunikacio, konspiracio, kreacio, observacio, konstrukcio, kolekcio*, k. t. p.? Anstataŭ lerni unu simplan radikon, oni ĉe multaj esprimoj devus lerni du. Kio fariĝus el la simpleco kaj reguleco de Esperanto? Ni ne foroferu ilin al la trompa allogilo de tuja kompreneblеco kaj konservu la purecon de nia lingvo, elbalaante la neesperante vestitajn *-aciajn* vortojn.

¹ La signo * montras la vortojn de la *Universala Vortaro*.

# Esperantista Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Creston C. Coigne*, Vicdel. en New York, plej kore dankas al la jenaj Del. pro la gravaj kaj afablaj servoj, kiujn ili faris al li dum vizito al iliaj urboj; S-roj Ch. F. Bardoff, Del., Montreal; H. Perkins, Vicdel., Toronto; F-ino Grace M. Randolph, Del., Niagara Falls; D-ro Tobias Sigel, Del., Detroit; S-roj Muehlke, Vicdel., Detroit; D-ro K. Ŝimonek, Del., Chicago; J. A. Sheil, Del., Washington.

# Esperantista Vivo

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *Margarethe* kaj *Ivan Krestanoff* en Lausanne naskiĝis je kristnasko filineto nomita Stella.

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Baumann, Gottlieb,** ano de la Unuiĝo de Germanaj Esp-istoj en Eger (Bohemujo).

**Bruse, Adolf,** el Lubeck, mortis sekve de malsano kaptita en la servo de Ruĝa Kruco.

**Kutschert, Viktor,** el Bromberg.

**Weckel, Walter,** el Germanujo.

* * *

Kun bedaŭro ni legis la informon kri la morto de **Sinjorino Agnes de Selincourt,** membrino de UEA kaj B. E. A., kiu ekkonis Esperanton en Hindujo, kie ŝi laboris kiel instrua misiistino. Antaŭ kelkaj jaroj ŝi dum vojaĝo en Eŭropo ofte uzis la servojn de UEA.

Kun doloro en la koro ni sciiĝis pri la morto de nia samideano **Ivan Todoroff Navidovski,** poŝtoficisto en Vratza (Bulgarujo). Li estas unu el la plej malnovaj pioniroj de nia ideo en Bulgarujo, kaj unu el la maloftaj kaj malavaraj fervoruloj, kiu posedas preskaŭ ĉion eldonitan — tre kare aĉetitan kaj bele klasigitan — pri kaj en Esperanto. Pacon al lia cindro kaj niajn plej sincerajn kondolencojn al lia familio. — *I. H. K.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

ARNHEM (Nederlando). — S-ro A. F. J. M. Smit, pastro, S-ta Walburgo-preĝejo, PM (precipe militmarkojn, ankaŭ kontraŭ PI).

BUENOS AIRES (Argentino). — S-ro V. Denlofeu, 5758, Rivadavla, PI, PK, PM, gazetoj.

CHORLEY (Anglujo). — S-ro W. Brown, „Mayfield" L, PK, PI (kun ĉiulandaj samideanoj).

DAVOS (Svisujo). — S-ro Rudolf Pánczél, Pension Barz, perfekta, tre entuziasma Esp-isto, PI, L (kun ĉiulandaj gejunuloj, prefere komencantoj).

DAVOS (Svisujo). — S-ro Dobi Lajoŝ, Pension Barz, PI, L (kun ĉiulandaj gejunuloj).

GRINDELWALD (Svisujo). — S-ro Ed. Zuber, Hotel du Glacier, PI.

MELBOURNE (Aŭstralio). — S-ro Th. Doran, 15, John St. West Footscray, PI kaj bildlibroj (prefere kun Japanoj, Ĥinoj, Finnoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Pol Oleg, Gorohovskij per. N-ro 20, loĝ. 2, PI, L (kun alilandaj gejunuloj).

NEW YORK (N. Y., Usono). — S-ro Armand B. Coigne, 2633, Creston Avenue, *nur* L (rilate psikologio, psikismo, fenomenoj supozeble kaŭzitaj de mortintoj, k. c., PK- kaj PM-kolektantoj ne ricevos respondon).

SAN FELIU DE GUIXOLS (Hispanujo). — S-ro Victor Lluis, 9, Aden, PI (kun ĉiuj landoj).

RUSA ARMEO EN FRANCUJO. — S-ro Sudareff, 1er Régt., 3me Comp. de mitrailleurs de l'armée russe, Sect. Postal 189, komenculo, dez. konatiĝi kun la tuta mondo.

SYDNEY MINES, N. S. (Kanado). — Kristanaj Junulligoj bonvolu ekrilati korespondon kun ĉi-tiea junulligo pere de Pastro R. E. Fairbairn, Huron Avenue.

VORONEĴ (Rusujo). — S-ro Boris Dmitrevskij, 2e gorodskoe poĉtov. otdel. Mariinskaja ul. 9, PK, PM (ankaŭ Esp. gazetoj).

ZEIST (Nederlando). — S-ro René Delvoie, Barako 15, Kampo II, PI, L (prefere kun Rusujo, Japanujo kaj Ĥinujo).

ZEIST (Nederlando). — S-ro Paul Renard, Barako 15, Kampo II, PI, L (kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ESPERANTAJ POEMOJ aperis, de C. Chr. Droogendijk, Del. de UEA, Stavenisse (Nederlando). Prezo: 0.20 Sm. Havebla ĉe la verkisto post ricevo de du internaciaj respondkuponoj.

MODO-ARTIKOLOJ. — Tuj post la milito mi serĉas francan firmon pri sinjorin-ĉapeloj kaj garnaĵoj, kiel rubandoj, floroj, plumoj, k. t. p. Havante propran bonan detalaferon, kaj malgrandan klientaron, mi serĉas utiligi mian liberan tempon per reprezentado de tia negoco. Mi parolas sufiĉe la francan lingvon, iomete la germanan, anglan kaj italan. Pliajn specialaĵojn mi volonte liveros al interesuloj. *Guill. Nivard,* Groningen (Nederlando).

POŜTMARKOJ. — S-ro J. Blaikie, F. B. E. A., 15, Church-crescent, London. N. 3. (Anglujo) kondukas poŝtmarkan vendejon por la helpo de Kristanaj Misioj en Ĥinujo kaj Hindujo. Li petas donacojn de markoj kaj sendos aprobfoliojn al kolektantoj. Li ankaŭ deziras interŝanĝi markojn kun Esp-istoj.

PSIKISMO-STUDENTOJ, KURACISTOJ, INTERESITOJ je psikologio, eksterordinaraj cerb- kaj nervmalsanoj, postmortaj fenomenoj, psika enketado, komuniku kun mi, rilate internacian asocion por studi tiujn ĉi fenomenojn. Amatoroj, PK- kaj PM-kolektantoj ne skribu. *Armand B. Coigne,* 2633, Creston Avenue, Bronx, New York, N. Y., Usono.

SALUTOJN al alilandaj kaj rusaj gekorespondantoj sendas S-ro A. Sidotov el Voronej, nuntempe oficiro de aktiva rusa armeo.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO